// POLA ESPERANTISTO
(Esperantysta Polski)
MONATA GAZETO DE POLAJ ESPERANTISTOJ

JARO XVIII. WARSZAWA — Septembro | Oktobro 1924. № 9|10 (107|108)

# LITOVUJO KAJ POLUJO.

## RESPONDO DE LA POLA REGISTARO.

La gazeto „Litova Stelo“ ŝajne estas nur kreita por kontraŭpola propagando. En ĉiu numero oni trovas priskribojn de polaj teroragoj, iafoje alte humorajn pro sia naiva kaj nekredebla blagado. Interalie, dum la Nürnberga Kongreso estis senpage disdonata al la samideanoj ekzemplero de la „Litova Stelo“ kun artikolo, titolita „Terura pola teroro en Wilno.“ Kelkaj ekkredis la enhavon kaj demandis nin pri ĝi. Ni respondis laŭ nia scio (vidu № 101|102 de „Pola Esperantisto“) kaj samtempe turnis nin al la pola Prezidanto de Ministroj kun peto pri konkretaj klarigoj. La afero estis tre zorge esplorata: ĉiu aparta citita fakto trovis plejan atentemon. Ni esprimas nian varman dankon al la bonvola Pola Registaro, kiu uzis sian grandan influon kaj rimedojn por defendi la honoron de la nacio. Samtempe la diskuton pri ĉiuj pluaj litovaj kalumnioj ni deklaras fermita.

Nia gazeto propagandas Esperanton, informas pri Polujo. Ĝi ne havas lokon por rebati la konstante ripetiĝantajn konscie malverajn atakojn.

*La Redakcio.*

MINISTRARA PREZIDANTO
№ 6400.

Warszawa, 14 de junio 1924.

Al Pola Esperantista Asocio
en Warszawa.

Responde al la skribaĵo de Pola Esperantista Asocio de la 10-a de Novembro 1923 pri la artikolo aperinta en la litova gazeto Esperantista „Litova Stelo“, la Ministrara Prezidanto komunikas,

ke la korekto pri tiu artikolo estis dissendita al la en-kaj eksterlanda gazetaro pere de la presa fako de la Ministerio pri Eksterlandaj aferoj. Kopio de la korekto estas aldonata.

Per Ministrara Prezidanto
(—) *Studziński*
Subsekretario de la Ŝtato.

1. aldonajo.

**KOREKTO**
**al la artikolo „Terura pola teroro en Wilno" aperinta en la litova-Esperanta gazeto „Litova Stelo".**

La artikolo „Terura pola teroro en Wilno" estas unu el multaj incidentoj de la agadsistemo gvidata de la Litovanoj, celanta; 1) Malebligi la starigon de normalaj pacaj interrilatoj inter la registaro kaj publiko pola unuflanke kaj la malmulte nombraj Litovoj loĝantaj en la teritorio de Wilno aliflanke. 2) Malbonfamigi Polujon sur internacia tereno prezentante la Polojn kiel persekutantojn, perfortantaj ĉiujn jurojn Diajn kaj homajn rilate al la Litovoj. Tio rajtigos ilin al plendoj kaj kulpigoj antaŭ la Ligo de Nacioj koncerne la aferon pri Wilno kaj por prezenti ĉiam novajn pretendojn je tiu teritorio.

Atingi tion celas, same kiel la registaro de Kovna Litovujo, la litovaj diplomatiaj postenoj eksterlande, litovaj privatuloj kaj kelkaj litovaj organizoj sur la teritorio de Wilno. Agante laŭ indikoj de litova registaro kaj kun ĝia malŝparema materia helpo, tiuj individue agantaj personoj aŭ organizoj celas: 1) Kiel eble plej konkrete disigi la polan popolon de la litova por malebligi proksimiĝon de ambaŭ popoloj kaj la influon de la nivele pli alta kulturo pola sur la loĝantaron litovan konsistantan, krom malgrandaj esceptoj, el kamparanoj kaj dung-laboristoj. 2) En la litovaj gazetoj eldonataj en Wilno, per mono sendata el Kovno, sisteme priskribadi la malbonajn flankojn de la nacia kaj socia vivo en Polujo, la malfeliĉojn kaj malsukcesojn ĝin trafantajn, neniam memorigante eĉ per unu vorto, se ne per esprimoj ironiaj kaj mokaj, pri la favoraj okazaĵoj, pri la sukcesoj politikaj kaj progresoj kulturaj, pri la pliboniĝo de la ekonomia situacio k. s. 3) Ĉiun punon, kiun necesigas la tiel malamike montriĝantaj elementoj litovaj malĝuste prezentante faktojn, ĝeneraliĝante iujn kazojn de ne laŭregula agado aŭ delikto de malsupera agento ŝtata, pligrandigi ĝis monstraj proporcioj, tiugrade, ke ili povu poste, kiel

konfesis antaŭ nelonge „Lietuvas Rytai“, litova gazeto aperanta en Wilno: „krii plengorĝe, por ke niajn plendojn oni aŭdu en la tuta mondo“. Al tiuspeca agado oni devas alkalkuli la presigon en la gazeto esperanta, do destinita al dissendo eksterlanden, de la artikolo „Terura pola teroro en Wilno.“

Ĉ. poste troviĝas klarigoj aŭ korektoj pri ĉiu aparta punkto de la artikolo.

„Jam en 1921“ — skribas la aŭtoro en la antaŭparolo —„preskaŭ ĉiujn Litovojn-intelektulojn el la Wilna teritorio oni deklaris fremduloj“. Tiu aserto prezentas la faktojn en neĝusta lumo. Cetere, la aŭtoro de tiu artikolo kontraŭdiras mem sian aserton, kiu pli poste skribas, ne rimarkinte certe, ke li detruas sian argumentadon: „Multaj Litovoj-intelektuloj devis alpreni la polan civitanecon.“ La polan civitanecon oni ne donas al „Fremduloj“, konataj kiel malamikoj de la Ŝtato kaj tiaj estas preskaŭ ĉiuj, cetere nemultaj, Litovoj-intelektuloj sur la teritorio de Wilno. Tion konsiderinte, inter la du asertoj de la aŭtoro verkinta la artikolon ekzistas evidenta kontraŭdiro.

Dume en realeco, en pola regno sur bazo de regularo deviga, la civitanecon polan akiras laŭleĝe, sen diferenco de religio aŭ devena nacieco, ĉiu persono kies konstanta loĝloko estas en la lando, aŭ kiu naskiĝis sur ĝia teritorio, el gepatroj tie loĝantaj konstante, aŭ fine tiuj, al kiuj tiu civitaneco estas aljuĝita laŭ internaciaj traktatoj. Tamen koncerne la teritorion de Wilno, nome: en la distriktoj de Wilno - Troki, Oszmiana kaj Święciany, kiuj estis parto de antaŭa Centra Litovujo regas ankoraŭ specialaj, pli liberalaj reguloj pri akiro de pola civitaneco: Eĉ tempa loĝado sur tiu teritorio antaŭ milito dum 5 jaroj, aŭ konstanta loĝado de la 1-a de januaro 1918, estas konsiderata kiel jura titolo al konstatigo de pola civitaneco. Neniuj aliaj individuoj rajtas laŭleĝe pretendi al pola civitaneco. Ili povas akiri ĝin nur per leĝa sankcio aŭ atribuo. Efektive, laŭ tio kio estas farata en la tuta mondo, oni atribuas tiun civitanecon nur al personoj pri kiuj oni povas esperi, ke ili fariĝos bonaj civitanoj de la lando. La aliaj estas konsiderataj kiel fremduloj al kiuj oni donas koncernajn dokumentojn. La fremdulo, kiu kondutas lojale kontraŭ la regno rajtas translokiĝi sur la tuta teritorio de la Respubliko same kiel la polaj civitanoj, kun la sola limigo, ke ili devas anonci sian translokiĝon al la koncernaj administracioj. Ŝajnas, ke tio tute ne memorigas la „servutajn tempojn“ kiel volas tion pruvi la artikolo.

Transirante al aliaj kulminoj entenataj en la artikolo estas necese deklari, ke sur [illegible] la regularo, deviga en la tuta Respubliko, koncerne la farmacistan profesion, ne sur principo de „speciale starigita leĝo“, nur la personoj guantaj la polan civitanecon rajtas praktiki sian arton; tial, la fremduloj, kaj inter ili la fremduloj-Litovoj estas senigataj de tiu rajto.

Apotekojn rajtas posedi nur tiuj personoj al kiuj estas konsentitaj koncernaj koncesioj.

Pri eksigo de la fremduloj el polaj landlimoj, la pola Registaro agas laŭ principo universale akceptita. Nome: ĝi forigas el la teritorio de la Respubliko la elementojn fremdajn, kiuj trovzante la gastemon de la Ŝtato agadas kontraŭ ĝi kaj intence naskigas malbonan fermentadon inter la publiko.

La forsendo el la polaj limoj de la instruistoj de litova gimnazio en Święciany, S-roj Untulis kaj Butkus, estis kaŭzita de tio, ke en la plenumo de siaj funkcioj ili montris vere malamikajn sentojn al la pola Ŝtato. S-ro Untulis ekz., kiel Direktoro de gimnazio eksigis el tiu gimnazio lernantinon, pro tio nur, ke ŝi fianĉinigis je pola soldato, asertante ke „kiu kuniĝas kun la Poloj ne povas restadi inter Litovoj“.

S-ro Butkus, kiel korespondanto de Litovaj gazetoj konstante provis malutili al pola Ŝtato, senkreditigi ĝiajn administraciojn kaj subfosi ĝian autoritaton. El la lernejo li faris ilon de politika lukto celante sekve de tio krei malamikajn rilatojn inter la instruistaro litova kaj la kontrola lerneja konsilantaro pola. La agado de tiuj du personoj ne povis esti pli longe tolerata, tial al ili, kiel al fremduloj, oni donis eksterlandajn pasportojn petante, ke ili forveturu, lasante tamen al ili la liberan elekton de la loko kaj direkto, postulante nur la foriron el la polaj limoj. Pri pluaj 30 personoj, kiujn laŭdire minacis lastan aŭtunon konstante kaj ĉiumomente la ordono pri eksigo el la lando, la ĉi-tieaj koncernaj administracioj neniam estis iel informitaj kaj la donita sciigo pri tio estas tendence falsa. La rilatoj de la lernejaj polaj povoj al la litovaj lernejoj de Wilna teritorio estas bazataj sur precizaj reguloj devigaj en tiu fako. Tamen, tiuj reguloj estas elastigitaj je profito de tiuj lernejoj, konsiderinte la malfacilajn kondiĉojn en kiuj ili troviĝas, pro la manko de ĝenerala instruiteco de la personoj, kiuj povus okupiĝi pri instruado. La postuloj farataj al la polaj lernejoj privataj estas pro tio pli altaj ol tiuj al la litovaj, kaj la Lerneja konsilantaro estas multe pli tolerema kontraŭ tiuj-ĉi lastaj. Ekzistas tamen limoj, kiujn ne rajtas transiri en sia cedemo la Lerneja Administracio.

La „gimnazio“ litova en Święciany staris je tia nivelo laŭ instruo, je kiu ne rajtus stari eĉ mezbona elementara lernejo. En ĝi instruis personoj sen iuj ajn kvalifikoj lernejaj kaj neniel preparitaj al instruado, ne havantaj eĉ la plej elementajn praktikajn instruilojn. Ĝi estis lokita en domo kontraŭstaranta al plej primitivaj postuloj pri higieno, k. t. p. Lernejo en tia senespera stato, sed tamen reklamanta sin kiel „gimnazio“ estus tolerata en neniu Ŝtato, kaj ĝi povis utili nur por erarigo de la loĝantaro, aŭ por celoj havantaj neniun rilaton kun la instruado. Eĉ post la aliformigo de tiu „gimnazio“ je elementara lernejo, ĝi montras neordinare malaltan nivelon de instruado.

Koncerne la litovan gimnazion en Wilno, konsiderinte la gravan mankon de bonaj instruistoj, respondantaj al la postuloj fiksitaj de la Ŝtata leĝo por la instruistaro, la lernejaj povoj faris tre gravajn cedojn: kvankam nur civitano de la Respubliko rajtas instruadi, oni konsentis plilongigon de tempo al litovaj instruistoj, kiuj ne estis polaj civitanoj, nur por ebligi al ili daŭrigon de instruado. Kun indulgemo la povoj konsideras la multajn mankojn instruajn kaj pedagogiajn de la dirita institucio k. t. p.

Pri la litova seminario por instruistoj, havanta ĝis nun 3-jaran kurson kaj donanta instruistojn tute ne preparitajn eĉ laŭ plej modestaj postuloj, la lernejaj povoj postulis ĝian aliformigon laŭ modelo de la polaj, en 5-jara kurso, kreante tiamaniere seriozan pedagogian unuon. Konsiderinte tamen la malfacilon por tuj aliformigi la nunajn kursojn laŭ la supredirita senco, la Ministerio permesis la malfermon de la lernejjaro kaj la daŭrigon de instruado sur la bazoj ekzistintaj antaŭe en la dirita seminario, kiu tute ne estas fermita kiel asertas la litova artikolo.

Ne insistante plie pri la evidenta kontraŭdiro ekzistanta inter la citita kvazaŭ fakto pri la „teroro“ de la pola Registaro kontraŭ la litovaj lernejoj kaj la fakto prezentita de la aŭtoro mem pri malfermo sur la teritorio de Wilno, dum la jaro 1921 — 1922 de 120 elementaraj lernejoj litovaj, kaj de multaj kreiĝantaj ankoraŭ muntempe „aliaj lernejoj“, ni konstatas nur, ke la Pola Registaro neniel malebligante la kreadon de litovaj lernejoj publikaj aŭ privataj, kiuj respondas al minimumaj postuloj de la instrua fako kaj submetiĝas al kontrolo de la lernejaj povoj, postulas tamen de la litova instruistaro lojalan konduton rilate al tiu registaro. Ne estas kaj ne povas esti tolerataj la lernejoj en kiuj, sub preteksto instrua oni kreas intensan agitadon kontraŭŜtatan.

Fine, estas necese atentigi, ke jam tute ne komprenebla kaj senbaza estas la plendo prezentita en la artikolo pri kvazaŭ „polaj atakoj rabistaj“ al litovaj kamparanoj. Ankaŭ pri kvazaŭ postulo de la lernejaj povoj en Wilna distrikto pri instruado en litovoj lernejoj. Nome: ke ĉiuj instrutemoj estu traktataj en pola lingvo, krom la lingvo litova. Nur la pola lingvo, la geografio kaj historio de Polujo devas esti instruataj pollingve.

De la litova hospitalo en Wilno, same kiel de la apoteko organizita ĉe ĝi, la Registaro postulis nur laŭ regularo deviga en tiu specialeco, ke oni prezentu la statuton al aprobo, ke la apoteko ne havante koncesion, kaj ne havante esperon ĝin ricevi pro tio, ke la normala nombro da tiaj estis jam atingita por la urbo Wilno, limigu siajn servojn al la hospitalo kaj ne komercu kun ekstero.

Al la kuracistoj litovaj, geedzoj Olŝejko, estis malpermesata kuracista praktiko laŭ principo suprecitita, ĉar ili estis fremduloj.

La loĝejoj okupitaj de la provizora litova komitato, de la litova klubo, kaj de la restoracio estis efektive rekviziciita de la urba konsilantaro en Wilno, pro la granda manko da loĝejoj kaj pro la nefunkciado de tiuj-ĉi institucioj, almenaŭ de la du unuaj.

Tamen, pro plendoj de la Litovoj, tiu rekvizicio estis nuligita post esploro de la Centra Administracio, pro ne sufiĉa bazo en la kaŭzo de rekvizicio. La loĝejo restis la posedaĵo de la Litovoj. Tial, la epiteto „malnobleco“ estas nur evidenta pruvo pri la stilo kaj honesteco de la aŭtoro de la pritraktata artikolo. Dum la invado bolŝevika en Wilno en 1920, la Litovoj havintaj kun ili plej intiman kontakton kaj ĝuintaj ilian efektivan subtenon, okupis kun permeso de tiuj lastaj kelkajn ŝtatajn konstruaĵojn en Wilno kaj tie organizis orfejojn, por kiuj ili venigis infanojn eĉ el Kovna teritorio. Unu tian orfejon la Registaro efektive devis nuligi, kaj ĉirkaŭ 100 infanoj tie trovîĝantaj estis lokigitaj en du aliaj aziloj.

La aserto de la aŭtoro pri elĵeto sur la straton de 1000 georfaj estas tendenca falsaĵo plej altgrade sentakta. La nombro de infanoj el ĉiuj litovaj orfejoj ne superas 700 kaj nek unu infano troviĝis sen loĝejo.

Pri la Wilna litova gazetaro, la aŭtoro de la artikolo asertas, ke ĝia stato estas kompatinda ĉar oni ofte ilin konfiskas kaj la redaktorojn oni malliberigas. Nuntempe en Wilno aperas unu ĉiutaga gazeto litova kaj du semajnaj por kiuj ne nur la eldonrimedoj estas sendataj el Kovno

sed ankaŭ la plej granda parto de la artikoloj, pro manko de taŭgaj fortoj en la malgranda grupeto de intelektuloj litovaj en Wilno — oni presigas tiujn gazetojn en Wilno nur por krei pruvon de la kvazaŭlitoveco de tiu urbo. La redaktoroj estas precipe manlaboristoj apenaŭ sciantaj silabi aŭ tute analfabetoj.

Tiuj gazetoj 1) tute ne rekonas la ŝtaton polan sur la teritorio de Wilno, nek la apartenon de tiu teritorio al Pola Respubliko, malgraŭ tio, ke de kelkaj jaroj ĝi estas konstatita fakto, ke tiun apartenon decidis la loĝantaro loka, per libera voĉdono en la sejmo kunvokita tiucele en Wilno, kaj ke ĝi estas sankciita internacie. La opinio pri tio, ke Wilna teritorio ne estas pola, ke ĝi estas fremda lando konkerita de Poloj, tero kaptita de Polujo kaj nune militokupata k. t. p. troviĝas ĉiumomente en tiuj gazetoj kaj ili povas esti konsiderataj nur kiel konsciaj provokadoj al la Pola Registaro, celantaj altiri represiojn, kiuj donus la avidatajn kaŭzojn por postaj plendoj — „krioj plengorĝaj". 2) Saturitaj per malamo al ĉio, kio estas pola, ili provas enigi tiun malamon en la koron de siaj legantoj, kaj tio per sistema malbonfamigo de la pola Registaro, de la socio, de la karaktero, de la menso kaj moroj polaj, per sistema prezentado laŭ plej malbona lumo ĉiujn okazaĵojn de la regna aŭ nacia vivo en Polujo, aŭ silentado pri ĉio, kio malgraŭ ĉiuj malbonaj intencoj ne povas esti prezentata en malbona senco. *)

Se oni komparas la tonon de la litova gazetaro en Wilno, kun tiu de la pola en Kovno, tuj evidentiĝas la granda diferenco inter la konduto provoka kaj plena je malamo de la unua kaj la granda modereco kaj absoluta lojaleco de la dua. Tio tamen ne ŝirmis kontraŭ la litova leĝa interdikto kaj fermo 4 polajn gazetojn en Kovno dum la 5 lastaj jaroj, nek iliajn redaktorojn aŭ kunlaborantojn kontraŭ persekutadoj juraj kaj administraciaj.

La afero pri arestado de ĉirkaŭ 30 senkulpaj personoj en la ĉirkaŭaĵo de Święciany prezentiĝas jene. En tiu regiono, dum longa tempo agadis bando da krimuloj, apartenantaj al la organizo „diversia", kiu aranĝadis atakojn kontraŭ la polajn posedaĵojn apudlimajn, la komunikilojn,

*) Kiel ekz. ni donas la ĉisuban eltiraĵon el la lasta № de perioda gazeto litova en Wilno „Lietuvas kelias" de la 2-III nunjare № 9. „En la XX jarcento, ĉu ili p o l o j ne estas la plej grandaj barbaroj en Eŭropo. Oni ne povas miri, ke la Ligo de Nacioj komparis ilin kun la loĝantoj de Afriko kie oni devas ankoraŭ forigi la sklavecon. Ili mem naskiĝis kaj kreskis sklavoj tial ili dezirus puŝi la aliajn en sklavecon kaj ignorantecon."

rabadis la domojn de la polaj bienuloj kaj de kamparanoj. La postulata enketo kaj serĉadoj ebligis fine la kapton de 14 individuoj apartenantaj al la supre citita organizo. Kiom minaca estis ties agado oni juĝu laŭ la sekvanta fakto: Unu el ĝiaj bandoj, lastan jaron, eksplodigis la ponton sur fervoja linio Wilno — Riga jus antaŭ la trapaso de la rapida vagonaro. Nur dank' al eksterordinara singardemo de la fervoja oficistaro terura katastrofo estis evitita. El tio oni vidos, ke la kaŭzo de la aresto de tiuj individuoj estis tute alia al ĝin prezentas la artikolo de la litova aŭtoro, kaj ke tiu aresto estis plene bazita.

Aresto de lernantoj el la Litova gimnazio en Wilno havis la sekvantajn kaŭzajn: Lastan someron, en Warszawa, oni arestis individuon, kiu veninte el Wilno provis ruze akiri sekretajn dokumentojn militistajn. La deklaroj de tiu persono pruvis la ekziston de spiona organizo, kiu kolektis informojn pri la dislokigo kaj stato de la polaj militfortoj en la teritorio de Wilno kaj sendadis ilin al Kovna Litovujo per specialaj komisiitoj. Grandan rolon ludis en tiu organizo 5 lernantoj de la litova gimnazio en Wilno, ĉiuj en la aĝo 20 ĝis 24 jaroj. Plia enketo pruvis, ke tiu organizo estis ligita kun la informa sekcio de la ĝenerala stabo en Kovno, kaj kun la societo por helpo al la militviktimoj pri kies agado kontraŭŝtata, la pola registaro posedis de longe dokumentojn. Tio postulis la nepran revizion en la loĝejoj de tiuj societoj pri kiu plendas la litova artikolo.

Neniu ruza provokado el pola flanko okazis. Kiel dirite supre, la aresto en Warszawa de ano de tiu organizo, kiu denuncis tutan spionadan reton okazis tute hazarde, oni do ne povas incidi pri iu provoka agado.

Ĝenerale malfacile estas paroli pri provokado de tiaj junuloj kiuj, kiel plej granda nombro de la arestitaj litovaj lernantoj jam de kelkaj jaroj estas konataj de la lokaj povoj kiel gvidantaj diversajn agadojn konspirajn aŭ spionajn kontraŭ pola ŝtato. Kelkaj el ili jam antaŭ kelkaj jaroj estas arestitaj sed poste liberigitaj laŭ tro liberala amnestio politika. En la nun malkovrita konspiro la juĝistara enketo ankoraŭ daŭras. Koncerne la batadon de la arestitoj en la ŝtata policoficejo, ĉe strato Dominikańska, nek la enketo de la Prokuratoro, nek la vizitado de la kuracista komisiono trovis ian postsignon de tiu batado.

La Registara Delegito.

(—) *Walery Roman.*

Dissendita 1-V-1924 laŭ la granda skalo kaj al presa fako de la Ministerio pri Eksterlandaj aferoj.

# Henryk Sienkiewicz.

## (1844 — 1916)

La 26an de oktobro 1924 okazis la definitiva entombigo de Henryk Sienkiewicz, en speciale preparita kripto de la katedrala kaj metropolita ĉefpreĝejo de Sankta Joannes en Warszawa. La korpo de la fama verkisto, venigita de Vevey en Svisujo, kie li mortis dum la granda milito, estis dumvoje solene salutata de ĉiuj popoloj, kies teritoriojn ĝi trapasis. Speciale varman simpation montris la frataj nacioj ĉeĥa, slovaka kaj la jugoslavaj. Tiuj lastaj deziris, ka la karavano eniru ankaŭ iliajn limojn. Sed la teknika neceso ne permesis tion, ne malpli dankemaj ni estas pro la kora intenco.

Warszawa akceptis la noblan filon de sia lando kun entuziasmo. Ĉiuj ŝtataj kaj urbaj povoj, ĉiuj sociaj organizoj kaj la sennombra amaso de popolo havis por Henryk Sienkiewicz nur unu vorton: danko! nur unu penson: gloro! nur unu senton: amo! Malrapida paŝo de tiu funebra veturigilo estis triumfa vojiro de heroo, al kiu tuta nacio volas montri sian pian admiron.

Kio estis venklaŭda ĉaro de Cezaro kompare kun tiu ĉaro kaj venko?

Ankaŭ ni, esperantistoj polaj, estis tie. Jam ĉe la pola limo, en Dziedzice, salutis la korpon de Sienkiewicz speciala delegitaro kun Prof. Bujwid, Prezidanto de Pola Esperanto Asocio, kaj So Bronisław Kuhl, Prezidanto de la krakowa societo „Esperanto", kaj deponis florkronon kun surskribo: Al Granda Verkisto — esperantistoj polaj" sur blanka-ruĝa kaj verda rubandoj. Varsoviaj esperantistoj deponis duan florkronon kun verdaj rubandoj kaj la surskribo: „Al Henryk Sienkiewicz — Pola Esperanto Asocio". Ambaŭ florkronojn portis dum la funebra ceremonio delegitaro, konsistanta de So Zygmunt Grabowski (filo de Antoni), Dro S. T. Karlsbad, Redaktoro Stanisław Karolczyk inĝeniero K. Tymiński kaj la subskribinto.

Por eksterlando estas Sienkiewicz precipe la aŭtoro de „Quo vadis?" Ne ekzistas preskaŭ kultura lingvo, en kiun tiu ĉefverko, pentranta tiel vive kaj forte la epokon de naskiĝanta kristanismo, ne estus tradukita. Al sia aŭtoro ĝi, krom mondfamo, alportis ankaŭ la premion Nobel. Sed en Polujo, se ne pli admirataj, ĉar tio ŝajnas malfacila, do pli proksimaj al la popola sento estas liaj grandiozaj romanoj, bazitaj sur la pola historio: „Krzyżacy" („Kruckavaliroj") kaj la „Trilogio": „Ogniem i Mieczem" („Per Fajro kaj Glavo"), „Potop" („Diluvo") kaj „Pan Wołodyjowski" („Kavaliro Wołodyjowski").

Kio estis tiuj majstraj bildoj de pola gloro kaj potenco por la suferanta pola popolo, povas kompreni nur tiu, kiu rememorigos al si la tiutempan staton de la „pola afero“ en Eŭropo.

Polujo malgajnis la revolucion de 1830-31. Ĝiaj geniaj poetoj: Mickiewicz, Słowacki, Krasiński mortis ĉiuj malproksime de la subjugita patrolando. Miloj da polaj patriotoj suferis en fremdaj malliberejoj. Ne ŝajnis ebla ia kredo, ia supozo pri ŝanĝo. Tiam la granda turmentado spirita provokas ankoraŭ unu malesperan agon. En 1863 dekkelkaj miloj de junaj patriotoj ekkaptas refoje armilojn kontraŭ multmiliona Rusujo. Tiu freneza heroaĵo estas dronigita en la sango. Kaj nun venas nigra nokto, sen plej malforta lumstrio de espero. La pola nacio fatale estas kondamnita je pereo. Ĉiu jaro, ĉiu monato, ĉiu tago alportas novajn turmentilojn: jen oficistoj polaj estas anstataŭataj de fremdaj; jen oni konfiskas polan posedaĵon; jen oni malpermesas al infanoj lerni en la propra lingvo, eĉ tiun lingvon mem, eĉ la religion de gepatroj; jen oni krias arogante kaj laŭte, ke Polujo estis putrinta kaj kiel putraĵo devas malaperi; jen oni forĵetas kamparanojn el ilia tero kaj fordonas ĝin al malamikoj.

Nenia protesto, nenia plendo ebla ĉar minace leviĝas milionoj da fremdaj bajonetoj. Moke grincas ŝnuregoj de pendigiloj, sonas ploro kaj ĝemo de malliberigitoj.

Morto. Fino de Polujo. Agonio de tuta popolo.

Kaj jen venas li. Mallibera, kiel la aliaj. Sklavo de la rusa caro. Sed la misteraj anĝeloj de genio benis lian lulilon. Li havas la ĉarman potencon de vorto. Kaj li komencas paroli. Ne pri hodiaŭaj suferoj, ne pri morgaŭa venko. Tion malpermesas la ekzekutistoj. Li rakontas pri malnovaj tempoj. Pri tiu fama epoko, kiam Polujo, ŝirmo de civilizo, defendis sin kaj la mondon kontraŭ barbaraj amasoj. Al la popolo sen unu soldato li montras ĝian pasintan gloron militan. Agojn heroajn. Sentojn fierajn. Energion krean kaj noblan. Memforgeson, memoferon por patrujo malfeliĉa, por religio persekutata. Jen tremas la antikva pola Respubliko. Per fajro kaj glavo ruiniĝas ĝin hordoj kozakaj. Superverŝas ĝin Diluvo sveda. Ankoraŭ momento — kaj pereos eĉ la nomo de Polujo. Tamen ne pereis! El la granda barakto, el maro de sango, el miloj de mortoj kaj ruinoj eliras suno. Sur Jasna Góra brilas lumo. Por ĉiuj viaj oferoj, por ĉiuj viaj turmentoj, por via kruco sur monto — savita estas la popolo.

Kaj la popolo komprenis. Ploris infanoj kaj kamparanoj legante la vortojn de Dolĉa Novaĵo:

### „POLUJO ESTOS LIBERA!"

Jes, kvankam nenie vi trovos la frazon, ĉiu ĉapitro, ĉiu linio de la grandioza verkaro de Sienkiewicz krias tiun veron: „POLUJO ESTOS LIBERA!"

Kaj nun, kiam Henryk Sienkiewicz, majeste ĉirkaŭita de centoj da standardoj, da florkronoj, de milo da torĉoj, revenis al sia patrujo — en la centmilo da paroj de okuloj, kiuj ame kaj larme rigardis lian ĉerkon, oni povis legi la respondon:

— Ho Majstro, Polujo ESTAS libera!

*Jan Kostecki.*

# La Publika Biblioteko en Łódź.

Łódź, kiel centro de pola - industrio kaj intensiva laboro, dum longa tempo posedis neniajn publikajn kulturinstituciojn. Nia urbo, kreskanta kun preskaŭ amerika rapideco, ne posedis tamen tiajn loĝantojn, kiuj meritus esti nomitaj veraj civitanoj de l'urbo. Ĉar la lokan socion konsistigis: de unu flanko la klaso de industriistoj, de alia — la laboristoj. Unuj alvenadis tien-ĉi el eksterlando, la aliajn liveris la pola vilaĝo. Unuj kaj aliaj rigardis Lodzon egale: kiel je la lokon de profito. Pri la kulturo de l'urbo pensis neniu.

Nur, kiam en tempospaco, aperis la tria klaso - la pola inteligentularo, komenciĝis la kreado per penoj de sola tiu klaso de diversaj kulturinstitucioj, ekz.: teatroj, muzeoj kaj fine bibliotekoj.

La komenco de Publika Biblioteko en Łódź datumiĝas ankoraŭ el la jaro 1909, el la tempo revolucia, kiam la ĝenerala avido je klereco naskis favoran grundon por disvolvo de kultura laboro. Oni fondis tiam Societon de Pola Kulturo, kiu, interalie, havis kiel celon ankaŭ la fondon de Publika Biblioteko.

Malgranda sed bonkvalita biblioteko, donita al publika uzo, estis tamen post nelonga tempo fermita per la rusa registaro, kune kun la tuta Societo de Pola Kulturo.

De tiu tempo, en daŭro de preskaŭ dek jaroj, Łódź estis senigita de pli granda biblioteko. Nur la eksplodo de la eŭropa milito kaj ligitaj kun tiu fakto liberecaj esperoj faris, ke la naskiĝinta en la socio penso de restarigo de Publika Biblioteko, tre baldaŭ ŝanĝiĝis en agon kaj en jaro 1916 estis konfirmita de germana okupacia administracio la statuto de Societo de Publika Biblioteko en Łódź kaj en ektobro de 1917 la biblioteko estis transdonita al publika uzado.

En la jaroj 1917—1922 la Publika Biblioteko travivis ĉiujn malfacilaĵojn, ligitajn kun la politika vivo de renaskiĝanta Ŝtato, nome: mankon de mono, la neeblon de libraĉeto taj gazetabono, malfacilaĵojn en konservado de la libraro k. t. p.

La bibliotekon savis la urbaj aŭtonomiaj povoj, komunumigante la institucion en jaro 1922.

La vivantecon de Publika Biblioteko en Łódź karakterizas kelke da ciferoj el la frekvento de legantoj en la perspektivo de pasintaj jaroj, nome: en jaro 1917 legis 4,600 personoj, en jaro 1918—15,342 personoj, en 1919—20,243 personoj, en 1920—23,185, en 1921—15,425, en 1922—25,085 kaj en 1923—32,914 personoj. Entute profitis de la biblioteko en daŭro de tiu tempo 136,794 legantoj.

Karakteriza estas, por la unuaj evolujaroj de la biblioteko, la tabelo de frekvento de libroj laŭ faka divido. Dum tiuj ses jaroj estas tralegitaj: el la fako ĝenerala — 1,121 libroj, el la filozofia fako — 25,865 libroj, religia — 2,899, el la fako socia — 30,86 , filologia—2,181, naturscienca kaj matematika — 32,243, artoj aplikitaj — 9,424, arto — 12,348, literaturo — 88,409 libroj kaj el la fako historia kaj geografia — 44 815 libroj. Entute tralegitaj estis 250,173 libroj.

Pli interesa estas tamen la komparo de legofrekvento kun la kvantostato de apartaj fakoj de la libraro, kiu elmontras, ke la unuan lokon laŭ la nombro de libroj okupas la fako de verkoj sociaj, la duan — historio, la trian — literaturo kaj la kvaran — natursciencoj kaj matematiko. Ŝajnas unuavide, ke inter la instrua direkto, kiun sekvas la biblioteko kaj la tendenco de legofrekvento de l'fakoj: literatura, historia kaj matematika, estantaj objektoj de legado de mezlerneja junularo, eliĝas sur la frunton ankaŭ en la legofrekvento la socia fako, kiel pruvo de influo de la biblioteko sur la vastan legantaron kaj kiel pruvo de bone elsentita bezono de la socio.

Ni jetas tiujn kelkajn liniojn, por skizi al la eksterlanda leganto de „Pola Esperantisto" en plej primitiva formo: 1) bildon de kulturpenadoj en fako de bibliotekeco, en la dua, laŭ la loĝantaro, urbo de Pola Respubliko, 2) la rolon de biblioteko en centro de laboro kaj 3) doni unu el pruvoj de ĝusta gvidado de tiel grava kultura institucio, kia estas hodiaŭ la Publika Biblioteko.

*Jan Augustyniak.*

Ĉefbibliotekisto de Publika Biblioteko en Łódź.

# V Kongreso de Pola Esperanto-Asocio en Warszawa

## 7-8 septembro.

Jam la tagon antaŭirantan la kongreson ni havis la eblon konstati, ke la alvokon sekvis sufiĉe nombre samideanoj, reprezentantaj la dissemitajn tra la tuta lando societojn kaj grupojn esperantajn. Inter la alvenintoj ni vidis reprezentantojn el Kraków, Łódź, Poznań, Katowice, Lublin, Wilno, Równe, Stoczek, Pabjanice k. a. polaj urboj.

Dimanĉe, la 7-an de septembro, en plenigita salono de Higiena Societo, dekorita per verdaj flagoj, kie sur podio vidiĝis la busto de nia Majstro, okazis la solena malfermo de la kongreso. La kongreson malfermas ĝia Honora Prezidanto, prof. Odo Bujwid, Prezidanto de Pola Esperanto Asocio. La parolanto substrekas la tutmondan signifon de Esperanto, kiel genian eltrovaĵon, kiu iom post iom venkas la barojn kaj konkiras ĉiam pli novajn adeptojn en ĉiuj landoj kaj ĉiuj terpartoj.

Poste prenas voĉon la reprezentantoj de societoj kaj grupoj esperantaj el diversaj polaj urboj, kiel ankaŭ la delegitoj de multaj filioj de P. E. A., salutante la kongreson kaj dezirante al ĝiaj laboroj plenan sukceson. Post ili salutparolas la reprezentantoj de varsoviaj Esperanto-societoj, nome: „Konkordo", „Laboro", „Akademia Ligo Esperantista", „Studenta Grupo" k. a. Post la salutparoloj sekvis tre interesa prelego de Dro Szymon Tadeusz Karlsbad pri la stato de Esperanto sur ĉiuj ĝiaj kampoj.

Laŭ propono de unu el la membroj de kongresa estraro, la Kongreso decidis sendi homagian saluttelegramon al S-ro Prezidanto de Pola Respubliko, Stanisław Wojciechowski.

Post intterrompo, dum kiu la kongresanoj iris hotelon „Polonia" por preparita tie komuna tagmanĝo, oni anoncis prelegon de Prof. Czubryński. D-ro Czubryński en sia bonege prilaborita kaj kun fervoro legita prelego donis tutan vicon da valoraj rimarkoj kaj postulaĵoj en afero de propagando de Esperanto kaj agado de societoj. La prelego estis akceptita per varmaj aplaŭdoj.

Rilate al tiu prelego disvolviĝis viva diskutado kaj komencis alflui al la prezida tablo multnombraj proponoj koncernantaj la aferon de propagando de Esperanto en Polujo. Post ekkanto de l'Himno, la kongresanoj disiris, parte al la Pola Teatro.

La sekvantan tagon antaŭtagmeze, post vizito de varsoviaj vidindaĵoj, oni kolektiĝis ĉe la tombo de l'Majstro, kie la prezidanto de P. E. A., Prof. Odo Bujwid, post mallonga parolado, metis florkronon sur la tombo. De tie la kongresanoj

iris al la tombo de Antoni Grabowski, ĉe kiu Prof. Bujwid, rememorante la meritojn de l'mortinto, metis florkronon kun surskribo: „Al Tradukinto de Sinjoro Tadeo Polaj Esperantistoj“. La posttagmeza kunsido, plene dediĉita al eltrovo de plej efikaj metodoj dep ropagando, estis diversigita per abundo de proponoj, per kiuj la esperantista junuloro vere surŝutadis la kongresan estraron.

Vespere, dank' al klopodoj de la kongresa komitato, la multnombraj kongresanoj kaj enkondukitaj gastoj, havis la eblon aŭdi radiofonan koncerton, brodkastatan de unu el la anglaj stacioj. Sekve de tio la prezidanto de la kongreso Prof. Bujwid klarigis al la aŭskultantoj, ke la plej taŭga lingvo por disaŭdigado de ĉiaspecaj paroladoj estas la lingvo Esperanto, posedanta multe da vokaloj, faciligantaj la aŭdadon.

Oni devas mencii ĉi-tie la ekspozicion de espprantaĵoj, organizitan de la sekretario de P. E. A. S-ro Antoni Stankiewicz, aranĝitan el materialo de la Asocio kaj privataj kolektoj, kaj elmontrantan la tre riĉan esperantan literaturon kaj gazetaron.

## Parolado dum V Kongreso de Pola Esperanto-Asocio en Warszawa 7. IX. 1924.

Estimataj samideanoj!

Kun grandega eksvingo antaŭenprogresadis la esperantista movado antaŭ la milito en Polujo. Eble kuranta stato de tiu movado en la tuta mondo marŝas per pli viglaj paŝoj ol ĝi marŝis antaŭ la milito, sed la progreso de esperantismo en Polujo postmilita ne atingas la altecon antaŭmilitan.

Kvankam kun korkunpremo, tamen ni devas tion konstati. Se iu el niaj malamikoj — se ni tiajn efektive havas - aŭ pli ĝuste indiferentuloj, el kiuj konsistas la plimulto de nin ĉirkaŭanta neesperanta publiko volus konkludi el miaj vortoj, ke esperantismo mortis, aŭ estas sur la lito de agonio, do tuj en la komenco mi devas protesti kontraŭ tia konkludado, ĝar al ni mankas nek la fortoj, nek la entuziasmo, nek la ardo, sed ni progresas nun pli malvigle ol iam antaŭe, pro kaŭzoj ne ĉiam dependaj de ni.

Sendube, en nia entuziasma agordo koncerne esperantismon nenio ŝanĝiĝis. Ni nur haltiĝis por unu momento por pripensi pri la situacio, kaj ĉiu pesimista akordo estos unu malgranda momento en la esperanta himno pri tra la tuta mondo iranta forta voko de la entuziasmo, anoncanta

la novajn ideojn. Tia noto ne malhelpas la belan harmonion de la tra ĉiuj terpartoj, landoj, urboj, eĉ vilaĝoj ekeĥanta kanto pri la espero.

Estas du specoj de la pesimismo: unu, sana, gvidanta per la sobra kritiko al plibonigo de la malbona situacio, — la dua per la falsa, trograndiganta kritikemeco gvidas al la malbonigo de la jam malbona situacio, kaj la kompleta senkuraĝigo. Mi ne estis la reprezentanto de la dua pesimismo, ĉar mi en mi mem, kaj en Vi, samentuziasmuloj, trovas sufiĉe da ardo kaj da fortoj, kaj Vi certe protestus, se mi opinius alie. Mi volas nur resumi la kurantan staton sendepende, ĉu tiu resumo estos momente ĝoja aŭ malĝoja nur por serĉi la novajn vojojn. Jen la diagnozo:

La esperantista movado en Polujo ne ĉesis disvolviĝi, sed preskaŭ haltiĝis je la sama nivelo. La ŝuldo estas nur en malgranda parto je nia flanko, ĉar ni faris ĉion eblan. Oni ĉiam povas kompreneble sin kulpigi, ke oni ion forgesis fari, ke oni preterlasis ian okazon propagandi. Kiu movado socia ne povas simile kulpigi siajn gvidantajn? Tamen principe oni faris sufiĉe, kaj la efiko estas ne tro granda.

Kie kaŝiĝas la kaŭzo de tio?

La respondo estas simpla, ĉar ofte aŭdata el la buŝoj de indiferenta por nia ideo publiko: „Esperanto estas hebreaĵo". Ĝi estas „internacia", „neŭtrala". Jen hebreaj ideoj: internaciismo, „neŭtraleco".

Respondi je tiuj argumentoj estas tre facile. Ĉiu nacio havas siajn eminentajn elpensintojn, havas ilin ankaŭ hebreoj. Telefono estas ankaŭ hebreaĵo, ĉar eltrovinto estis hebreo. Ĉu sekve la kontraŭhebreuloj ne volas uzi la telefonon? Cetere ne temas pri la aŭtoro de la eltrovaĵo, sed pri la eltrovaĵo mem. Se ĝi estas bona, akceptu ĝin, se malbona — forĵetu! Esperanto en ĝia gramatika kaj vortara enhavo estas ariaĵo, malgraŭ ke la eltrovinto estis hebreo.

Sekve vanaj estis tiuj-ĉi pseŭdoargumentoj de kontraŭhebreuloj, sendepende de la valoro de la ideo mem pri kontraŭhebreeco. Kaj tial facilege estus ilin repuŝi, sed preskaŭ neeble estas respondadi centfoje al ĉiu homo kaj forradikigi el la memoro de miloj tiun-ĉi baron de disvolviĝo.

Kion do fari?

Antaŭ ĉio sekve oni devas profiti de la gazetaro. Skribi artikolojn por ĵurnaloj, klarigante falsajn aŭtaŭjuĝojn. Ĉu ili helpos, aŭ ne mi ne povas antaŭvidi, ĉar ne temas pri simpla premiso falsa, anstataŭigota per la rekta, sed pri la socia agordo havanta pli profundajn radikojn. Sed sendepende de la rezulto oni devas tion fari, kaj se oni tion ne

faros estos nur nia malzorgo. Ĉiuj artikoloj destinitaj por neesperanta publiko komencu de la argumento, ke esperantismo ne estas ia hebreaĵo, sed la beno por la homaro pli progresiganta ĝian klerigon kaj la kulturon. Kiu ne komprenas, ke la propagando havas sian taktikon, kaj devas adaptiĝi al la nivelo de la publiko, al ĝiaj antaŭjuĝoj, tiu faros eble pli bone se ĉesos okupiĝi pri ĝi.

Ni ĝojas vidante novan homon aliĝantan al nia ideo, ni disblovas la favoran opinion por nia afero de ĉiu eminenta persono, eĉ neesperantisto, sed ni ne vidas kiom da personoj farlosas silente niajn vicojn, kiom da anoj oni forstrekas el la societo pro la nepagado de la kotizo kaj nepartoprenado en la societa vivo. Antaŭe, flanke de la ĉefa torento de aktiva falango de esperantaj pioniroj, marŝis aliaj neorganizitaj, privataj, nekonataj, sed tre utilaj, kiuj formigadis la opinion publikan, agadis en siaj privataj rondoj kaj rondetoj. Tre ŝatinda kaj utila rezerva armeo. Nune ili nin forlasis aŭ silentiĝis. La ĉefa torento sekiĝas, kompreneble jam antaŭe elsekiĝis la flankaj rivereto.

Se iu instruisto ĉiam ripetas al siaj pupiloj iajn ideojn kaj ili ilin ne akceptas, do aŭ la pupiloj estas nekapablaj, aŭ la instruisto netaŭga, aŭ li estas taŭga, sed havas falsan metodon. Ni troviĝas en simila situacio. Ni ripetas ĝis la enuo la samon kaj ni trovas la samajn elturniĝojn. Kiel ofte ni petis, ke ni estu aŭskultataj. Oni ne ĉiam permesis al ni paroli pri nia ideo. Oni jam antaŭhavis opinion pri Esperanto, eĉ ne ekkoninte ĝin detale. Ju pli malmulte oni sciis pri ĝi, des pli certa kaj decida estis la opinio. Ĉiu aŭskultado estis elpetita, elpreĝita, oni kapbalancis kaj diris „eble, eble“ trairinte al aliaj, ĉiutagaj aferoj, lasante nin kun niaj ideoj turmentiĝi. Laŭ ilia opinio esperantismo estas jam mortinta ideo el la tempoj antaŭmilitaj. Neeble estas ĉiam la samon ripeti senrezulte kaj trovi la respondojn: „Se io estus en tiu esperantismo, ĝi de longe jam estus venkinta. Ne vidante tamen la progreson, mi ĝin forlasis“. Kaj tie ankaŭ ni devas ŝanĝi la taktikon. Societo esperanta kaj ĝia disvolviĝo tute ne estas, ne bezonas esti kaj ne devas esti la kerno de niaj zorgoj. Ĝi estas la tendaro por la lacigitaj batalantoj, kiuj vespere, fininte la propagandon, kunvenas por ripozi, reciproke helpi al si kaj kun la nova matenruĝo vekiĝi por la novaj venkoj. Ĝi devas esti la centro radianta ekstere, sed ekster ĝi devas fondiĝi aliaj centroj, kaj ju pli da ili des pli bone por ni. Societoj esperantaj — venu tiu-ĉi momento kiel eble plej rapide — iam malaperos, kiam la propagando de nia ideo trairos al

la iniciativo de la ministerioj de publika instruado. Ili havas nur periodan daŭron, ili estas rimedo por la celo, ne la celo mem. La celo estas la disvolviĝo de la ideo esperanta. Kvazaŭ kiel paradokso aperas, sed estas fakto, ke la krakova societo esp. belege floranta ĝis la kongreso en 1912, ĝuste post la kongreso komencis malpleniĝi. Kaŭzo de tio estis, ke dum antaŭe esperantismo alcentriĝadis en la societo, post la kongreso ĝi trapasis la limojn de ĝi, sekve la societo fariĝis unu el multaj centroj, ne la sola grundo favora por la esperanta semo. Alimaniere oni kondukas al malsana stato: la societoj fariĝas la muzeoj de malnovaj propagandistoj, kunvenintaj por rakonto de la travivaĵoj el sia juneco, por kantado de la himno kiu ekster la kvar muroj ne eliras, por la fotografado de siaj kunvenoj, pri kiuj la strato nenion scias. En aliaj societoj la energio de la societanoj elĉerpiĝas en la plibonigado kaj redaktado de ĉiam novaj statutoj, en la reciproka ĉikanado kaj subfosado, en estraraj ambicioj. Ili disvolviĝas interne, anstataŭ ekstere. La strato nenion scias pri la vivo de esperantistoj. Se esperantismo estus ia konspira ideo, oni ne povus pli deziri, ol ke la strato tiel multe sciu, kiel ĝi scias. Kaj tamen ni celas ion tute kontraŭan: ke tra la mondo iru forta voko.

Kion do fari? Ni devas antaŭ ĉio informi la ĵurnalojn konstante pri la progresoj de nia movado. Ne ripeti la ideojn pri Esperanto en la nuboj, la principojn jam sufiĉe populariĝitajn, kvankam neniam populariĝitajn tiagrade, ke oni fine povus eviti diversajn malsaĝaĵojn troveblajn en la gazetaro tiel ofte, kiel ofte ili skribas ion-ajn pri Esperanto. La praktiko malaperigos falsajn ideojn same kiel ĉiu falsa ideo pri la fervojo malaperis en tiu-ĉi momento, kiam oni komencis ĝin uzi. Kio estas malproksima, tio ĉiam estas malhela en la detaloj. Tamen, tiun-ĉi informadon de ĵurnaloj oni ofte komprenas tute false. Oni opinias, ke por tiu-ĉi celo estas necesa aparta se ne la societo do minimume sekcio, kun aparta prezidanto, sekretario, eble eĉ regularo, apartaj kunsidoj kun tramveturado al kaj reen, akademiaj kvaronhoroj, se ne la duonhoroj, atendado nokta por la gardistoj fermantaj la dompordegojn, trinkado de teo k. t. p.. Tute ne! ĝuste tio-ĉi povas nur malhelpi la tutan agadon kaj ĝin kompliki. Sufiĉos, se unu, aŭ du personoj resumos la artikolojn el ĉefaj niaj esperantaj organoj, sciigos en kronikaj informoj, sed konstante kaj regule pri progresado de nia movado, pri gravaj okazintaĵoj, ekz. la apliko de Esp. al la radiotelefonio. La artikoloj devas esti mallongaj, ĉar longajn ne presos la redakcioj. Tiamaniere simpla ĵurnalleganto de tempo al tempo rigardos je nia

movado per pli favora okulo, kaj ne asertos, ke esperantismo estas jam velkiĝinta ideo. La tempon por la „Ĵurnala komisiono“ oni dediĉu pli bone por la verkado de la artikoloj. Aliaj samideanoj zorgos pri la kovertoj, multobligo de la teksto kaj dissendado. Ili povas reciproke interkonsenti telefone, sed ili estu la personoj oferemaj, disponantaj efektive per iom da tempo. Ni fiksu inter ni la personojn, kiuj okupiĝos per tio, sed nenial kaj neniam per la dekreta altrudado de la okupo, sed per la demandado: kiu volus entrepreni tiun-ĉi agadon? Se mankas la personoj povantaj tion fari konstante, oni zorgu trovi ilin por unu kvaronjaro, aŭ eĉ laŭ la monatoj. Tiamaniere per ne troa ŝarĝo per laboro ni povas tamen ion fari. En malgrandaj urbetoj, kie estas unu esperantisto, li nur sola provu laŭ sia ebleco fari kio estas ebla, aŭ organizi ĉirkaŭ li la neceson por tiu-ĉi laboro staton. Sed por ke ni fine sciu, kion oni faris kaj kion oni ne faris, necesa estas la statistiko minimume je ĉiu kvaronjaro; ni bezonas la sciigadon kiom da ĵurnaloj enmetis niajn artikolojn, kiom da ne, ĉu ili skribis ankaŭ eble artikolojn malfavorajn, ĉu oni al ili respondis.

Sed tiamaniere ni povis atingi nur tion, ke la publiko ne ripetos la frazon, ke Esp. plu ne disvolviĝas, sed ĝi ne aliĝos al ĝi ankoraŭ.

Kion do fari? Nepre necesa estas varbi la novajn adeptojn en la rondoj, kie oni aliĝos al la ideo, sen senpera adapto de ĝi al ĉiutaga vivo, kiel tion postulas la neesperanta publiko ne vidanta en Esp. ion donantan la senperan utilon. Tiujn-ĉi rondojn liveras nur la universitatoj kaj superaj lernejoj, tie estas estontaj ardaj pioniroj de Esp. Nur oni devas pli zorgi pri ili, komenci tie propagandi.

Krom tio necesa estas la agado en specialaj rondoj, kuracistaj, inĝenieraj k. t. p., sed ĝi postulas taŭgajn propagandistojn kaj instruistojn, per kiuj ni ne ĉiam disponas. Sed ni interkalkulu nin reciproke, eble ni trovos tiajn. La adeptoj en tiuj-ĉi medioj oni tuj devus ligi kun similaj en aliaj landoj per la korespondado kaj la organizacio, fortigi per instigo al partoprenado en la kongresoj.

En la rondoj komercistaj se ni havos iajn korespondantojn polajn, konantajn Esperanton, ni devas doni la adreson de firmoj en kiuj ili laboras al la komuna adresaro, al kies fondo instigis dum la tria konferenco esp. S-ano Hromada.

Koncerne aliajn esperantistojn, kiuj aŭ ne povas, aŭ ne volas partopreni en la laboroj supre cititaj estus bone, se ili povus anstataŭ perdi siajn fortojn je malgravaĵoj, iom traduki la verkojn el pola lingvo esperanten. Se tiuj verkoj eĉ ne estus tuj eldonataj, sed en pli favoraj tempoj, kiuj

certe venos, tamen ili donos al la esperantistaro la daŭran forfluejon de ĝia ardo kaj laboro, nune putriĝantaj en lageto de senlaboro.

Ni tre ne zorgu pri la opinio de neesperantistoj. Ili estas influemaj. La unuaj impresoj ĉe ili malfortiĝas, aŭ eĉ malaperas. Ili volas, ke vi ludu antaŭ ili kaj ili faros al vi la gracon de aŭdado kaj rigardado vian ludon. Tamen tiu-ĉi ludo fariĝas nia tragedio. Ne estas al ni eble ĉiam vivi per la sonĝoj, kredi al imagaĵo. Ni ne volas morti silente en nia agado, malestime kun premita koro rigardante la tumulton obstinan en ĝia senpenseco kaj en la obstina ripetado de ĉiam la samaj azenaĵoj. Ni ne volas larve ŝtoniĝi en ĉiam la sama gesto. Ni volas la venkon, sed ne en malproksima estonteco, sed la venkon vivan, la ĉiutagan alkreskon de nia movado. Ni volas, ke, nia ideo estu predikata tra la tuta mondo, al ĉiuj nacioj.

Ni ne droniĝu en mallaboro revanta pri la venko aŭtomata de ia ideo. Tiaj ideoj ne ekzistas. Ĉiun hodiaŭ komunan kaj kompreneblan ideon ellaboris multe da ideologoj, kies nomoj malaperis, kies ideoj tamen ekzistas. Ni ne alkutimiĝu al la anguloj kaj deflankejoj.

Ni ne permesu nin polveriĝi por la banalaĵoj de ĉiutaga societa vivo, por la milfoja rakontado de bone al ĉiuj samideanoj konataj detaloj de nia ideologio.

Ni ne apartenu al tiuj, kies kapojn lacigitajn, apogitajn je la mano trasulkis la nebuloj de ĉagreno, al kies koroj iom post iom enŝteliĝas malespero, kies vizaĝoj montras la signojn de turmento pro la vojo tramarŝita en mallumo, kiujn kaptis jam la rigideco sensenta, senviva, aŭ kiuj travivas la tagojn nur en la sopiroj kaj revoj, rezignante de la realiĝo de sonĝoj, kun la palpebroj duone kovrantaj por la realeco de la vivo fermitajn okulojn.

Ni zorgu, ke ni fariĝu fortaj per la organizacioj kaj per ĝia kulturo, ĉar nur al la fortaj oni elmetas la orelojn. Tiam indiferentuloj povus fariĝi objekto de mokoj kaj ni elmokitaj povus esti la mokantoj. Sed ni ne estos tiaj, ĉar ni scios, kiel ofte malpeza estis la homa spirito.

Ni eklumos iliajn pensojn kaj aljungos ilin al la laboro. Oni ekkonos nian forton. La pensoj de tiuj, kiuj malhelpis al ni en laboro konfuziĝos. Tiam ni skribos la artikolojn „kiamaniere oni kontraŭbatalis esperantismon" kaj citos ĉiujn azenaĵojn, ne por senmortigi ilin, sed por fari la animon de tiam ekzistantaj homoj pli akcepteblan por novaj, tiamaj ideoj, kiuj certe trovos sur vojo de la disvolviĝo la samajn malhelpaĵojn kiel esperantismo ilin trovis.

Ni vekos subite tiujn, kiuj lacigitaj per la propagando endormis, en kies koroj tamen sub la cindro brilas la tindro de estonta fajrego. **Dr. Antoni Czubryński.**

# Tataro en malliberejo.

*Mi nek ĝuis sufiĉe junaĝon,*
*Nek sufiĉe la varmon de l'suno,*
*Nek elspezis la tutan kuraĝon,*
*Malamikajn pafante la slavojn!*
*Por mi venis la tagoj aŭtunaj,*
*Min sklavigis idaro de sklavoj!*

*Hej vi, filoj de sklavoj, kristanoj,*
*Senkuraĝaj, timemaj vi hundoj!*
*Ne subiĝos al vi step-infanoj!*
*Nur atendu: sanĝos la vundoj*
*Kaj aperos denove Tataro*
*En Ukrajno, sur viaj steparoj.*

*Ne forgesos ĉevalo pri selo,*
*Ne forgesos iudist' pri trumpeto;*
*Sola estas la Di' en ĉielo,*
*Mahomet' estas Lia profeto.*
*Mahomet' tiujn ja ne forgesas,*
*Kiuj lian instruon konfesas.*

*Mian ŝultron ornamos saguio,*
*Venos tiam la hor' de repago:*
*En Rusujo, Ukrajno, Polujo,*
*Koron pikos de ni ĉiu sago;*
*Kaj ĉi-tiu mortanta koraro*
*Estos pag' por sklavig' de Tataro.*

*Hej leporoj timemaj vi, slavoj!*
*Poloj, Rusoj, Kozakoj — hundidoj!*
*Vi akrigu ponardojn kaj glavojn,*
*Ni pintigos nur sagojn rapidajn,*
*Ĉiu sago orfigos infanojn —*
*Vidvinigos virinojn kristanajn.*

— — — — —

*Malproksime de stepo libera,*
*Sen ĉeval', sen pafarko fidela —*
*Velkas mi en mallumo karcera,*
*Katenita, kun koro ribela.*
*Ĉenoj faras premsigno n sur brakoj:*
*Tiujn striojn repagos Kozakoj.*

*Kaj vi mia ĉevalo ataka,*
*Ĉu vi kuras tra stepo-kamparo?*
*Ĉu vin kaptis venĝema kozako,*

*Pol' perfida, aŭ ruso barbara?*
*Aŭ en tiu malĝoja aŭtuno*
*Viajn ostojn blankigas jam suno?*
— — — — —
*Estas mia patruj' — stepo vasta,*
*Mia lito — la herbo mizera,*
*Kaj preĝejo — arbar' tiu ĉasta,*
*Malĝojega — majesta — severa.*
*Ĉastrestanta de l' tempoj praavaj:*
*Venas tien nek kundoj, nek slavoj.*

*Ne penetras ĉi-tien la vento...*
*Tie sternas mi preĝ-tapiŝeton,*
*Kaj turnite al sankt' Oriento,*
*Mi alpreĝas kun pio profeton.*
*Kaj la arboj similaj al reĝoj,*
*Ripetadas per eho la preĝon.*
— — — —
*Mi nek ĝuis sufiĉe laboron,*
*Nek sufiĉe junecon tataran,*
*Nek sufiĉe vigligan aeron*
*De l' steparo — nek ankaŭ steparon.*
*Sen mi ĉasas junuloj, kaj kavon*
*Fosas por kapti lupojn kaj slavojn.*

*La leporo, tra stepo kurante,*
*Povas esti nun tute trankvila,*
*Halti eĉ en la step' arogante,*
*Ne rapidi al hejm' malhumile:*
*Maltrafanta neniam sagisto*
*Estas sklav' de la anoj de Kristo.*

*Nun, radante tra stepo, kozako,*
*Ne returnu la kapon kun timo,*
*Kaj trankvile manĝigu el sako*
*La ĉevalon en stepo sen limo:*
*Maltrafanta neniam sagisto,*
*Estas sklav' de la anoj de Kristo.*

*Tamen venos la hor' de ribelo,*
*La atakon anoncos trumpeto;*
*Sola estas la Di' en ĉielo,*
*Mahomet' estas lia profeto.*
*Ili faros ĝin: brava tataroj*
*Reaperos sur Slavaj steparoj.*

**Czesław Kozłowski**

# AL SUNO!

Al suno! al suno! la briloj aŭroraj
Per krono kuŝiĝis sur la horizonto...
Al suno!
Se staras de baroj potenca la monto,
Sed tamen en supro taĝiĝoj koloraj,
Giganta kaj luma de dioj tribuno —
Al suno!

Al suno! al suno! tra vastaj la maroj,
Tra vojoj ŝtonplenaj, tra duboj, doloro —
Al suno!
Grandiĝu spirito, leviĝu la koro,
Ĉar vojo ĉi-nia kun multaj la baroj
Ĉielon trahakas kun fort' de harpuno —
Al suno!

Kaj kiam signante purpuran rubandon,
Ni fine alvenas revatan ĉi-celon —
Al suno,
Malsupre havante antaŭan ĉielon,
Okulon ni streĉas post spacan la randon
Kaj vokas, se koron eĉ premas aŭtuno —
Al suno!

# LA VOJO.

Tra la senfinaj spacoj de ĉielo
Strias al steloj smeralda rubando...
Sur tiu vojo el lumo kaj helo
Volus mi flugi al aŭrora lando.

Strias al steloj smeralda rubando
Tra senfineco de spac'-oceanoj,
Al ĉielarka ĉi-tiu girlando,
Kvazaŭ flugiloj — etendiĝas manoj.

Tra senfineco de spac'-oceanoj,
Tra mileflagra stelbrodita maro,
Kie de ĝojoj elŝprucas fontanoj
Kaj kun eterno la spirit' en paro...

Tra mileflagra stelbrodita maro
Levi sin sur la flugil' de Anĝelo —
Tie jam vojo al Dio sen baro
Tra la senfinaj spacoj de ĉielo.

Stanisław Braun.

*Zygmunt Krasiński.*

# El „Ne-Dia komedio".

## Parto kvara. Lastaj scenoj.

*Halo en la kastelo de Sankta Triunuo — Viro — virinoj — infanoj, kelkaj maljunuloj kaj Grafoj genuas ĉe liaj piedoj — Baptopatro staras en la mezo de l'halo — Amaso funde — armiloj sur la muroj, gotaj kolonoj, ornamajoj, fenestroj. —*

VIRO. Ne — pro filo mia — pro mortinta edzino mia — mi ripetas ne. —

VOĈOJ VIRINAJ. Havu kompaton — malsat' bruligas intestojn al ni kaj al niaj infanoj — tage kaj nokte teruro nin mordas. —

VOĈOJ VIRAJ. Ankoraŭ tempo — aŭskultu senditon — ne forigu senditon. —

BAPTOPATRO. Mia tuta vivo estis civitana kaj mi ne atentas viajn riproĉojn, Henriko. — Se mi konsentis akcepti la taskon de l'sendito, kiun mi nun plenumas, ĝi estas tial, ĉar mi konas mian epokon kaj scipovas ŝati ĝian tutan valoron — Pankraco estas reprezentanto, civitano, mi diru tiel...

VIRO. For de miaj okuloj, maljunulo. —

*(flanke al Jakobo)*

Alkonduku taĉmenton da niaj.

*(Jakobo foriras — virinoj leviĝas kaj ploras — viroj malproksimiĝas je kelkaj paŝoj)*

BARONO. Vi pereigis nin, Grafo. —

ALIA. Ni rifuzas obeemon. —

PRINCO. Ni mem traktos kun tiu honesta civitano kondiĉojn de l'kapitulaco. —

BAPTOPATRO. La granda viro, kiu min sendis, promesas al vi la vivon, se vi nur aliĝos al li kaj konsentos kun la aspiroj de l'epoko. —

KELKAJ VOĈOJ. Ni konsentas — konsentas. —

VIRO. Kiam vi min alvokis, mi ĵuris perei sur ĉi - tiuj muroj — mi plenumos kaj vi ĉiuj pereos kun mi.

Ha! vi volas vivi ankoraŭ. —

Ha! demandu patrojn viajn, kial ili premadis kaj regis. —

*(al la Grafo)*

Kial vi premis la servutulojn? —

*(al la alia)*

Kaj vi kial pasigis la junaĝon ĉe kartoj kaj en vojaĝoj for de l'Patrujo?

*(al alia).*

Vi humiliĝis antaŭ altranguloj, malŝatis subulojn. —

*(al unu el la virinoj)*

Kiai vi ne edukis la infanojn je defendantoj — kavaliroj — nun ili ulitus al vi — sed vi amis judojn, advokatojn — petu nun vivon de ili. —

*(haltas kaj etendas la brakojn)*

Kial vi tiel rapidas al malhonoro — kio vin tiel allogas por malnobligi viajn lastajn momentojn? — prefere antaŭen kun mi, antaŭen, Moŝtaj Sinjoroj, tien, kie kugloj kaj bajonetoj — ne kie la pendigilo kaj silenta ekzekutisto kun ŝnur' en la mano por viaj koloj.

KELKAJ VOĈOJ. Bone li parolas — kontraŭ la bajonetojn! —

ALIAJ VOĈOJ. Peco da pano jam mankas.

VIRINAJ VOĈOJ. Infanoj niaj, infanoj viaj. —

MULTAJ VOĈOJ. Oni devas kapitulacii — intertrakti — intertakti! —

BAPTOPATRO. Mi promesas al vi tutecon, mi tiel diru, netuŝeblecon de personoj kaj korpoj viaj. —

VIRO *(proksimiĝas al Baptopatro kaj kaptas lin je brusto)*. Sankta persono de l'sendito, iru kaŝi la grizan kapon sub la tendojn de neofitoj kaj ŝuistoj, por ke mi ĝin per via propra sango ne makulu.

*(eniras armita taĉmento kun Jakobo)*

Celu al tiu frunto plugita per sulkoj de l'vanta instruo — celu tiun ĉapon de libereco, tremantan pro spiro de miaj vortoj sur tiu kapo sencerba.

*(Baptopatro kaŝe forkuras)*

ĈIUJ *(kune)* Ligu lin — liveru al Pankraco.—

VIRO. Momenton ankoraŭ Moŝtaj Sinjoroj. —

*(iras de unu soldato al alia)*

Kun vi, al mi ŝajnas, montojn mi suriradis, ĉasante sovaĝajn bestojn — ĉu vi memoras, mi savis vin el abismo.

*(al aliaj)*

Kun vi mi ŝiprompiĝis sur la rokoj de Danubo — Hieronimo, Kristofo, vi estis kun mi sur la Nigra maro. —

*(al aliaj)*

Al vi kabanojn forbrulintajn mi rekonstruis. —

*(al aliaj)*

Vi forkuris al mi de malbona sinjoro — kaj nun parolu — ĉu vi iros kun mi aŭ lasos min sola kun rido sur la lipoj, ke mi inter tiom da homoj unu homon ne trovis? —

ĈIUJ. Vivu Grafo Henriko — vivu! —

VIRO. Disdonu al ili, kiom restis da viando kaj brando — kaj poste sur la murojn. —

ĈIUJ SOLDATOJ. Brandon — viandon — kaj poste sur la murojn. —

VIRO. Iru kun ili kaj post unu horo estu preta al batalo. —

JAKOBO. Tiel min helpu Disinjoro. —

VOĈOJ VIRINAJ. Ni malbenas vin pro senkulpaj infanoj niaj.

ALIAJ VOĈOJ. Pro patroj niaj. —

ALIAJ VOĈOJ. Pro edzinoj niaj. —

VIRO. Kaj mi vin pro malnobleco via. —

*Reduto de Sankta Triunuo — Kadavroj ĉirkaŭe — kanonoj disrompitaj — armiloj kuŝantaj sur la tero. — Tie kaj tie kuras soldato! — Viro apogita je gabio, Jakobo ĉe li.*

VIRO *(enmetante sabron en la ingon).* Ne ekzistas pli granda ĝuo, ol ludi kun danĝero kaj gajnadi konstante, kaj se venas malgajno — do nur unufoje. —

JAKOBO. Ŝprucitaj per niaj lastaj ŝarĝoj ili retiriĝis, sed tie malsupre ili ariĝas kaj baldaŭ revenos al atako — vane — neniu forkuris de la destinita sorto, kiomlonge la mondo ekzistas. —

VIRO. Ĉu mankas jam kartoĉoj?

JAKOBO. Nek kugloj, nek pulvo, nek ŝroto — ĉio elĉerpiĝis fine. —

VIRO. Do la filon al mi alkonduku, por ke mi lin ĉirkŭprenu ankoraŭ. —

*(Jakobo foriras)*

Batala fumo nebuligis miajn okulojn — ŝajnas al mi, kvazaŭ la valo ŝvelus kaj malleviĝus alterne — la rokoj je cent anguloj rompiĝas kaj kruciĝas en stranga ordo fluas ankaŭ miaj pensoj. — *(sidiĝas sur la muro).*

Esti homo ne valoras — Anĝelo, ne valoras. La unua el Anĝeloj post kelkaj jarcentoj, kiel ni post kelkaj jaroj de ekzisto, eksentis enuon en sia koro kaj ekdeziris pli potencajn fortojn. — Oni devas esti Dio an nenieco. —

*(Jakobo alvenas kun Orĉjo).*

Prenu kelkajn soldatojn, ĉirkaŭiru la kastelajn ĉambrojn kaj pelu al la muroj ĉiujn, kiujn vi renkontos. —

JAKOBO. Bankierojn, kaj Grafojn, kaj Princojn. *(foriras).*

VIRO. Venu filo — metu ĉi-tie vian manon sur mia mano, per la frunto ektuŝu miajn lipojn, — frunto de via patrino estis iam same blanka kaj mola. —

ORĈJO. Mi aŭdis ŝian voĉon hodiaŭ, antaŭ ol armilojn kaptis viaj viroj — ŝiaj vortoj fluis tiel facile, kvazaŭ odoroj, kaj parolis: „Hodiaŭ vespere vi estos ĉe mi.“ —

VIRO. Ĉu ŝi rememoris almenaŭ nomon mian? —

ORCJO. Ŝi parolis: —„Hodiaŭ vespere mi atendas mian filon."

VIRO *(flanke)*. Ĉe l' fin' de la vojo ĉu man u al mi la forto? —Ne permesu tion Dio! — Por unu moment' da kuraĝo mi estos via sklavo dum la tuta eterneco. — (*laŭte*)

Ho filo, pardonu, ke mi la vivon donis al vi — ni disiĝas — ĉu vi scias, por kiom longe?

ORĈJO. Prenu min, ne lasu — ne lasu — mi vin kuntrenos kun mi. —

VIRO. Malsamaj estas niaj vojoj — vi forgesos min inter la horoj anĝelaj, vi rosguton ne ĵetos al mi de supre — Ho, Georgo — Georgo — Ho filo mia! —

ORĈJO. Kiaj krioj mi tremas — ĉiam pli minace, — pli proksime — bru' de kanonoj kaj pafiloj aŭdiĝas horo lasta, antaŭdirita, iras al ni. —

VIRO. Rapidu, rapidu, Jakobo. —

*(Aro da Grafaj kaj Princoj trairas la malsupran korton — Jakobo kun soldatoj sekvas ilin).*

VOĈO UNUA. Vi donis armilpecojn kaj ordonas batali. —

VOĈO DUA. Henriko, kompatu. —

TRIA. Ne pelu nin malfortajn, malsatajn, al la muroj. —

ALIAJ VOĈOJ. Kien oni pelas nin — kien?

VIRO. Al mort' — *(al la filo)*. Per ĉi-tiu ĉirkaŭpremo mi volus por eterne kun vi ligiĝi — sed mi devas en alian flankon. —

*(Orĉjo falas trafita per kuglo).*

VOĈO SUPRE. Al mi, al mi, spirito pura — al mi, filo mia!—

VIRO. Hej! al mi, homoj miaj! *(eltiras la sabron kaj atmetas ĝin al la buŝo de l'kuŝanto).* La klingo estas pura kiel antaŭe — spiro kaj vivo forflugis kune. —

Hej! al mi — antaŭen — jam ili proksimiĝis al distanco de mia sabro — revenu abismen, filoj de libereco! —

*(Tumulto kaj batalo)*

*
* *

*Alia flanko de l'redutoj — aŭdiĝas batala bruo — Jakobo kuŝanta sur la muro — Viro alkuras, kovrita per sango. —*

VIRO. Kio estas al vi, mia fidela maljuna?

JAKOBO. Diablo al vi repagu en infero vian obstinon kaj miajn suferojn. Tiel min helpu Disinjoro! — *(mortas).*

VIRO. *(ĵetinte la sabron).* Ne plu vi estas bezona — pereis la miaj, kaj la aliaj genuante etendas la brakojn al la venkintoj kaj balbute petegas mizerikordon! — *(rigardas ĉirkaŭe).* —

Ili ne venas ankoraŭ ĉi-tien — ankoraŭ tempo — mi ripozu momente. — Ha! jam ili envadis la nordan turon — homoj novaj envadis la nordan turon — kaj rigardas, ĉu ili ie ne

malkovros Grafon Henrikon. — Mi estas ĉi-tie — estas — sed vi ne juĝos min. — Mi jam komencis la vojon — mi paŝas al juĝo de Dio. *(stariĝas sur ruiniĝinta bastiono pendanta super abismo).* —

Mi vidas ĝin tute nigran, tra spacoj da mallumoj al mi fluantan, eternecon mian. senliman, seninsulan, senfinan, kaj meze de ĝi Dio, kvazaŭ suno, kiu eterne brulas eterne brilas — sed nenion lumigas. —

*(faras paŝon antaŭen)*

Ili kuras, rimarkis min — Jezu', Mario — Poezio, estu malbenita, kiel mi mem estos por eterne. Brakoj, antaŭen kaj trarompu tiujn remparojn. — *(saltas en la abismon).*

*

* *

*Kastela korto—Pankraco—Leonardo — Bianchetti fronte antaŭ la amasoj — antaŭ ili trairas Grafoj, Princoj, kun la edzinoj kaj infanoj, en katenoj.—*

PANKRACO. Cia nomo?

GRAFO. Kristofo de Volsagun' —

PANKRACO. Lastfoje ci elparolis ĝin—kaj cia?

PRINCO Vladislao, Sinjoro de Nigrarbaro. —

PANKRACO. Lastfoje ci elparolis ĝin—kaj cia?

BARONO. Aleksandro de Godalberg. —

PANKRACO. Forstrekita el la listo de l' vivantoj — for.

BIANCHETTI *(al Leonardo).* Du monatojn ili eltenis kaj mizeran vicon da kanonoj nur havis kaj aĉajn parapetojn. —

LEONARDO. Ĉu multaj ankoraŭ restis? —

PANKRACO. Mi transdonas el vi ĉiujn — sango ilia fluu por ekzemplo al la mondo—sed kiu el vi diros, kie estas Henriko, al tiu mi donacos la vivon.—

DIVERSAJ VOĈOJ. Li pereis en la fino.

BAPTOPATRO. Mi staras kiel peranto inter vi kaj viaj sklavoj – ĉi – tiuj civitanaj de eminenta gento, kiuj, ho granda homo, la ŝlosilojn de l'kastelo en viajn manojn transdonis. —

PANKRACO. Perantojn mi ne konas tie, kie mi venkis per propraj fortoj. — Ci mem asistos ĉe ilia morto. —

BAPTOPATRO. Tuta mia vivo estis civitana, por kio pruvoj estas multaj, kaj se mi kuniĝis kun vi, do nur pro tio, por ke mi proprajn fratojn nobelojn...

PANKRACO. Prenu la maljunan doktrinulon — for, saman vojon kun ili. —

*(Soldatoj ĉirkaŭas Baptopatron kaj la kaptitojn.)*

Kie Henriko? ĉu iu el vi ne vidis lin vivan aŭ mortan? — Sakon da oro pro Henriko — eĉ pro kadavro lia. —

*(armita taĉmento malsupreniras de la muroj)*

Kaj vi, ĉu vi ne vidis Henrikon?

TAĈMENTESTRO. Civitano Estro, mi iris laŭ ordono de Generalo Bianchetti al la orienta flanko de l'redutoj, tuj post mia envado en la fortikon kaj ĉe la tria vojturno al la bastiono ekvidis homon vunditan kaj starantan sen armiloj ĉe korpo de alia — mi ordonis plirapidigi la paŝon por lin kapti — sed antaŭ ol ni alvenis, tiu homo malsupreniris iom, haltis sur roko ŝanceliĝanta kaj rigardis momenton per freneza okulo — poste etendis la manojn kiel naĝanto, kiu estas subakviĝonta, kaj puŝis sin tutforte antaŭen — ni ĉiuj aŭdis sonon de korpo famallanta sur deklivoj — kaj jen la sabro trovita kelkajn paŝajn pli malproksime.

PANKRACO *(prenante la sabron)*. Sangosignoj sur la tenilo — sube la blazono de lia domo. —

Ĝi estas la sabro de Grafo Henriko — li sola el inter vi plenumis la ĵuron. — Pro tio glor' al li, gilotino por vi. —

Generalo Bianchetti, okupiĝu pri la detruo de l' fortiko kaj plenumo de l' verdikto. —

Leonardo! *(supreniras la bastionon kun Leonardo)*.

LEONARDO. Post tiom da noktoj sendormaj vi devus ripozi, Majstro — laco vidiĝas en viaj trajtoj. —

PANKRACO. Ne venis ankoraŭ la tempo de mia ripozo, infano, ĉar apenaŭ duono de laboro proksimiĝas al sia fino kun ilia lasta spiro. — Rigardu tiujn vastaĵojn — tiujn senlimojn starantajn inter mi kaj mia penso — oni devas enloĝigi tiujn dezertojn — trabori tiujn rokojn — kunligi tiujn lagojn — dividi la kampojn inter ĉiuj, por duoble pli multe da vivo naskiĝu sur tiuj pltaĵoj, ol da morto nun kuŝas sur ili. — Aliokaze la verko de l'detruo ne estos repagita. —

LEONARDO. Dio de Libereco fortojn al ni donos. —

PANKRACO. Kion vi parolas pri Dio — glite estas ĉitie pro sang' homa. — Kies sango ĝi estas? — malantaŭ ni la kortoj kastelaj — solaj ni estas, tamen ŝajnas al mi, kvazaŭ tie ĉi estus iu tria. —

LEONARDO. Eble nur tiu-ĉi korpo trapikita. —

PANKRACO. Korpo de lia konfidato — korpo senviva sed ĉi tie ies spirito regas — kaj tiu ĉapo — la sama blazono sur ĝi — plue, rigardu, ŝtono elstaranta super la abismo — sur tiu loko lia koro krevis. —

LEONARDO. Vi paliĝas, Majstro. —

PANKRACO. Ĉu vi vidas tie supre — supre?

LEONARDO. Super la akra montpinto mi vidas nubon deklivan, sur kiu estingiĝas radioj de l'suno. —

PANKRACO. Signo terura brulas sur ĝi. —

LEONARDO. Eble via la okuloj erarigas. —

PANKRACO. Miliono da popolo obeis min antaŭ momento — kie estas mia popolo?

LEONARDO. Vi aŭdas iliajn kriojn — ili vokas vin — atendas vin.

PANKRACO. Babilis virinoj kaj infanoj, ke tiel estas aperonta — sed nur en la lasta tago. —

LEONARDO. Kiu? —

PANKRACO. Kvazaŭ kolono neĝhela Li staras super abismoj — ambaŭmane je l'kruc' apogita, kiel venĝanto sur sabro. — Dornokrono el fulmoj kunplektitaj. —

LEONARDO. Kio kun vi okazas? Kio estas al vi? —

PANKRACO. De la fulmo de tiu rigardo certe mortos ĉiu vivanto. —

LEONARDO. Ĉiam pli for uras la ruĝo de viaj vangoj — ni iru for — nu — ĉu vi aŭdas min? —

PANKRACO. Metu la manojn sur miajn okulojn — suf ku per la pugnoj miajn pupilojn — forigu de mi tiun rigardon, kiu min polvigas. —

LEONARDO. Ĉu bone tiel?

PANKRACO. Mizeraj estas viaj manoj — kvazaŭ de Spirito, sen ostoj, sen karno — diafanaj kiel akvo — diafanaj kiel vitro — diafanaj kiel aero. — Apogu vin je mi. —

PANKRACO. Donu al mi almenaŭ iometon da mallumo!

LEONARDO. Ho Majstro mia! —

PANKRACO. Mallumon — mallumon!

LEONARDO. Hej! civitanoj — hej! fratoj - Demokratoj, helpon! — Hej! savon! — helpon! — helpon!

PANKRACO. Galilaee vicisti! *(Falas sur la brakojn de Leonardo kaj mortas).* —

El la pola lingvo tradukis

*Br. Kuhl.*

# Dua libro de Forge.*)

Post „Abismoj“ — „Saltego trans jarmiloj“! Kiel marŝas tiu homo! Baldaŭ ekmankos spaco kaj tempo. Tiam li eble eniros la sferon de spiritoj... Sed ne, li havas tro da talento por tio.

Lia arda juneco pelas lin antaŭen. Mezuri la teron kaj la epokojn per energiaj paŝoj de siaj movemaj piedoj!

Tio estas, ja, fenomeno tute natura. Kiu ne memoras la unikan tempon, kiam li havis dudek jarojn? La mondo

*) Jean Forge. „Saltego trans jarmiloj“ Romano originale verkita. Hirt u. Sohn, Leipzig 1924. P. 192. Bindita. Prezo 4 ormarkoj.

estis kiel ensorĉita ĝardeno, plena je misteroj. Antaŭen, antaŭen! Ĉion ekkoni, ĉion trapenetri. Ĉirkaŭbraki la mondon, kaj ekkisi, kiel la ruĝajn lipojn de knabino!

Poste venas maturaj jaroj. Kelkaj kordoj rompiĝis dolore. La deziro ne flugas jam tra la spaco, kiel hirundo. Sed venas la sento de propra forto kaj seriozo. Kuntirante la brakon, oni trovas kontente, ke la muskoloj estas jam plene disvolvitaj. Kiel ŝtalo. Jen, per tio oni povas haki la vojon!

Ĉar ĉirkaŭ ni jam estas muroj. Tiu malfermita vastaĵo, tra kiu sen limoj kaj sen brido flugis, naĝis kaj saltis la animo, strange aliiĝis. Niaj manoj trovas la reziston. Niaj piedoj marŝas sur malglataj ŝtonoj. Jen unu baro, sub daŭra puŝo, cedis. Ni estas lacaj, sur nia frunto perliĝas ŝvito, sed kia plezuro! Ĝi restos, la venkita spaco. Ĝi restos por ni, eble ankaŭ por aliaj.

Kial tia ŝanĝo? Kial la freŝa mondo printempa nerimarkebie fariĝas plena de obstakloj?

Ĉar la vivo estas tre komplikita. Senmezure multaj estas ĝiaj misteroj. Malgranda vermo sur la tero estas homo. Fama zoologo, kovrante per mano pecon da herbejo, diris al siaj disĉiploj: „Jen, tuta via vivo ne sufiĉos, por esplori la bestetojn, kiuj estas tie-ĉi."

Ho, kio okazis kun niaj abismoj? Kie estas niaj flugiloj? Kie estas la ĉionkunprenanta potenco de la malnovaj tagoj?!...

Ĝi reaperas iafoje. En nia pena iro tra montaro, ni, ligitaj per ŝnuro unu al la alia, per hakilbastonoj baraktantaj, kun la malmola, vundiga elemento, haltiĝas subite. Trafis nin bildo de eterna beleco. Zumas en la oreloj la neklara Vorto de Universo, la sama, kiun al Sokrates flustris lia mistera „Dajmonion". Ĝi reaparas iafoje...

Sed Forge estas juna. Liaj verkoj bolas. Kiam oni legis la unuan paĝon, oni devas legi ĉiujn sinsekvajn, ĝis la lasta. Antaŭ li, tio okazis kun la verkoj de neniu originala verkisto esperanta.

Li havas unu grandan meriton, propran nur al veraj talentoj: li scias komuniki al ni siajn sentojn kaj pensojn. Ni vivas kun li.

Do, se vi volas, por unu horo, denove havi dudek jarojn, legu la „Saltegon trans jarmiloj." Tio ja, certe, valoras la tempon.

Plej dolĉajn, plej seriozajn esperojn oni povas ligi kun tiu juna Aŭtoro esperanta.

Esperanta li estas tiom, ke eĉ ĉiuj liaj herooj portas nomojn de nenie, vivas en enigma lando nenomita.

Ja li mem, Jean Forge, estas plena enigmo. En kia urbo li ekvidis la lumon de l'tago? Kian lingvon parolis lia patrino? De kia nobla tero li estas filo?

Ni rajtas supozi, ni ne rajtas diveni. Restu li, tiu sola kaj unika, nur Esperanta Aŭtoro, ĝis kiam li mem tion volas.

Kaj la enhavo de la libro? Legu, kaj vi vidos. Mi ne volas ĝin diskuti. Kun abomeno mi forsvingas mian kritikistan lanceton.

Mi ne tranĉos la junecon! **Jan Kostecki.**

# Komuniko.

**Parizo, la 18-an de Oktobro 1924,**

Estimata Samideano.

Laŭ instrukcioj de Prof-ro CART, Prezidanto de la Akademio, jus reveninta en Parizo post resaniĝo, mi petas vin puplikigi la ĉi-suban noton en la venonta numero de via gazeto.

Kun kora samideano saluto

(—) *René de Lajarte.*

Sekretario de l'Prezidanto de la Akademio.

## ESPERANTISTA AKADEMIO.

Baloto de unu Akademiano por la rusa lingvo (Posteno 11)

*
* *

Voĉdonintoj: 87.

Voĉoj por S-ro MEDEM . . . . . . . . . . 46 Elektita

— — FIŜER (FISHER) . . . . . . 40

Voĉdoniloj sur kiu ambaŭ nomoj estis strekitaj 1

87

Du cirkuleroj, entenantaj voĉdonilojn, senditaj al la 2 jenaj L.K.-anoj: S-roj D-ro B. Rácz (Matrai utca 9, Budapest — Hungarujo) kaj L. Dreher (ĉe S-ro Rapelski, Białystok - Polujo), revenis kun la poŝta noto „Nekonata". Tiuj ĉi L. K.-anoj estas petataj konigi al la Prezidanto sian nunan adreson.

* * *

La Akademio Konsistas do nun el:

Prof. Th. CART, Prezidanto (Posteno 3); — S-roj L. M. Warden (P. 9) kaj D-ro Dietterle (P. 5), Vic-Prezidantoj; — Prof. E. Grosjean-Maupin, Direktoro de la Sekcio „Komuna Vortaro" (P. 15); — D-ro W. Lippmann, Direktoro de la Sekcio „Konkursoj kaj Premioj" (P. 2); S-roj W. Bailey (P. 17), P. Christaller (P. 10), P. Corret (P. 18), A. Dombrowski (P. 10); V. Inglada (P. 14), J. R. G. Isbrücker (P. 1),

E. Kühnl (P. 8), P. Lengyel (P. 13), P. Medem (P. 11), B. Migliorini (P. 6), E. A. Millidge (P. 12), P. Nylén (P. 7).

La estraro estas elektita en la jaro 1923 kaj estas rebalotota en 1926.

POSTENOJ REBALOTOTAJ:

En **1925**: 7, 17, 1, 10, 6, 9; — en **1928**: 13, 15, 18, 8, 2, 3; — en **1931**: 5, 4, 14, 12, 16. 11.

AKADEMIAJ KORESPONDANTOJ:

S-ro Rollet de L'Isle (Scienca kaj Teknika Vortaro); S-ro Setälä (Finna Lingvo), S-ro M. Solà (kataluna); S-ro A. Tellini. (Latina), D-ro Leono Zamenhof (Pola), S-ro Everardo Backheuser (Portugala Lingvo).

SEKCIOJ:

*Komuna Vortaro:* Prof. Grosjean-Maupin, Direktoro; S-roj Bailey, Migliorini, Millidge, Nylén; Bünemann, Solà, membroj.

*Gramatiko:* D-ro Lippmann, Direktoro; S-roj Christaller, Corret, Lengyel; Collinson, Stojan, membroj.

*Konkursoj kaj Premioj:* D-ro Privat, Direktoro; S-roj Isbrücker, Kühnl; S-ino Hankel, S-roj de Ménil, Stroele, membroj.

# Ricevitaj gazetoj.

Arbeider Esperantisten (2), Aŭstria Esperantisto (1), Belga Esperantisto (3—4), The British Esperantist (233—234) Esperanto Triumfonta (205—206—209), Informoj de Esperanto Asocio de Estonio (9), Holanda Esperantisto (136, 37, 140, 141), La Interligilo de L. P. T. T. (8), International Language (8—9), Marto (Septembro), Le Monde Esperantiste (2—3), Norvega Esperantisto (1—2), La Revuo Orienta (8), Revista di Ateneo (1), La Semisto (39, 41, 42), Sennacieca Revuo (9), La Suda Kruco (49—50), Völker-Spiegel (15).

---

**Zarząd Pol. Tow. Esp. w Warszawie zawiadamia swych członków, że zebrania odbywają się co środa od 8-10 wiecz. w lokalu Tow., Królewska 19. Kancelarja i biblioteka czynne są o tej samej porze.**

---

**Redaktoro kaj eldonanto: STANISŁAW KAROLCZYK**

Redakcio kaj administracio: Warszawa, str. Królewska 19.
Funkcias nur lunde kaj ĵaŭde de 8—10 h. vespere.